# BRAZILA ESPERANTISTO



OFICIALA ORGANO
de "BRAZILA LIGO ESPERANTISTA"

11-a Jaro — Numero 4-6

Aliĝo al B. L. E. 5$000
Jarabono eksterlande Fr. 5
(Svisa valoro)

Aprilo-Junio 1920

REDAKCIO—Praça 15 Novembro, 101
RIO DE JANEIRO — BRAZILIO


## LA ROZO

El Torquato Tasso

*Di se stessa invaghitta e dei suo belo*
*Si specchiava la rosa.*

De si ravita kaj de belo sia
Spegulis sin la rozo centfolia
En klara, rapida torento,
Kiam impeta ekblovo de vento
Senfoliigis la belan rozeton.
Folioj falis en la rivereton;
La rivereto, forfluante,
Kunportis ilin, rapidante.
Kaj tiel, ho ĉielo!
Rapidege pasas belo.

El itala lingvo tradukis *A. Grabowski.*
(El «*Esperanto*»)

## La tombo kaj la rozo

(El V. Hugo)

La Tombo diris al la rozo:
— Al rosaj larmoj, sen ripozo,
Vi kion faras ama flor'?
La Roz' al Tombo por rediro:
— Vi kion faras al l' akiro
Falanta vin je ĉiu hor'?
La Roz': — En l'ombro, Tomb' malvarma,
Mi faras el la roso larma
Odoron ambran, de miel'.
La Tombo: — Mi' ho flor plendanta,
El ĉiu la anim' venanta
Anĝelon faras de ĉiel'!

Trad. *A. Grabowski*
(El «*Lingvo Internacia*», 1897)

## LA SCIADO

La vera ornamo de la kapo estas la sciado.

¡Kapo ornamita per mil ajoj, per miloj da multekostaj ŝtonoj, tute ne povas egali kapon ornamitan simple per tiu ĉi glora aŭreolo — la sciado!

La sciado faras miregindaĵojn.

Kristoforo Kolombo lernis multe, ne senmalhelpe, ĉar liaj gepatroj estis malriĉaj teksistoj; sed kian pli grandan rekompenĉon li povus havi, ol tiu, kiun li ĝuis — la eltrovo de Ameriko! Kaj hodiaŭ lia nomo estas senmorta.

La malriĉeco — tiu terura malbono de la homaro — estas ofte kompensata de la sciado. La instruito komprenas pli bone siajn devojn, li scias pli bone plenumi la mision, kiu estas destinita por li sur la tero, li komprenas siajn meritojn, kaj tial li estas feliĉa.

La lando, en kiu la popolo estas instruita, progresas rapide kaj kun granda facileco.

La sciado estas necesa al la viro, same kiel al la virino. Ĝi estas necesa al la viro, por ke li estu bona familiestro, por ke li sciu gvidi la familion kaj ĝin antaŭgardi de ia ajn malbono; kaj ankaŭ, ĉar bona familiestro estas ĉiam bona civitano kaj bona patrioto. Ĝi estas necesa al la virino, por ke ŝi estu bona patrino, por ke ŝi sciu havigi al la infanaj cerboj noblaj sentojn kaj purajn aspirojn, por ke ŝi povu zorgi la sanon de siaj infanoj, kaj ne kreu ilin superstiĉaj kaj stultaj.

Mi kleriĝos, mi eniros en la mondon de la sciado, ĉar por tio mi ne ŝparos klopodojn. Mi multe deziras esti bona verkistino; sed, se mia idealo malsukcesos, ve al mi! kiom mi suferos, ho kiom!...

*Sylvia Cruz.* (Aracajú - Sergipe).

# LA SKLAVO

*(E. Micucci.)*

— Patro, patro, kial vi batas tiel senkompate Kiotton; ĉu vi ne havas koron, ĉu vi ne havas humanan animon, patro?

La maljuna farmisto levis la kapon, kaj ridetis indulgeme.

— Kion vi volas, kara filino? Ĉu vi ne vidas kiel li, Kiotto, estas ankoraŭ brava, de kiam li venis el Afriko?

La blonda fraŭlino klinis ĉagrene la kapon, kaj ne respondis.

Kiu estis Kiotto? Ha! Kiotto? Li estis unu el tiuj muskolaj negroj, kiuj pro sia strukturo pli similas al orangutango ol homo. Li estis unu el tiuj sovaĝaj nigruloj laĉe kaptitaj en plena afrika arbaro.

La scienco ne sukcesis lin fleksi, kaj estis necese uzi ekstreman fortegon por lin submeti. Kaj tio okazis antaŭ ĉirkaŭ dek jaroj. De tiam, la vivo de la malfeliĉa kaptito estis malpli bona ol tiu de neracia estaĵo.

Fine, ian tagon, li estis aĉetita de la riĉa farmisto Arnoldo, patro de la juna Mario, kaj tiam liaj turmentoj pligrandiĝis: la destino estis kontraŭ li, la hazardo lin persekutadis ĉiutage kaj kruele.

Pro sia karaktero malfacile regebla, Kiotto ribelis ofte kontraŭ sia posedanto, minacante kelkfoje mortigi lin, tio kio kostis al li terurajn punojn; jen li estis ĵetita en malvarmajn karcerojn, jen enkatenita per solidaj ĉenoj ne manĝante, kaj ne trinkante.

Fine la farmisto sentis teruran timon de l' sklavo. Neniam li sin riskis iri sola al la farmdomo: li ne konfidis al la ĉenoj, kiuj ligis Kiotton.

Kiom kaj kiom da fojoj la potenca nigrulo utiligante siajn terurindajn muskolojn krevis la fortikajn ligaĵojn?

Kaj Arnoldo tremis, kiam li pensis, ke ian tagon la sklavo povus denove liberiĝi: tio estus danĝero.

Tre malhela nokto. La malfeliĉa kaptito estis meze de la placo solide enkatenita.

De du tagoj li ne manĝis, kaj la malfeliĉulo ĝemis furioze kaj malsate...

Ho! se li povus liberiĝi de tie, la unua persono, al kiu li sufokus, estus lia ekzekutisto...

Subite la okuloj de la nigrulo fiksiĝis sur blanka figuro, kiu formiĝis post la arbaro. Li ne kredis fantomon, ne havis timon; neniam li palpebrumis, kiam en Afriko li rigardadis la faŭkojn de la tigro aŭ tiujn de la leono; li nur kriegis profunde.

La blanka figuro alproksimiĝis malrapide, ne ŝanceliĝante.

Virina voĉo sonis al liaj oreloj, kvazaŭ muziko:

— Kiotto, ĉu vi malsatas, Kiotto?

La sklavo pensis sonĝi rekonante per la voĉo la filinon de Arnoldo, la ĉarman Marion; li ridetis dankeme, kaj jese movis la kapon.

La delikata fraŭlino metis pakaĵon sur la teron, kaj elpoŝigante ŝlosilojn, malfermis la pendserurón de la ĉenoj.

Post kelkaj minutoj la negro estis libera. Li sidiĝis, kaj komencis manĝi la nutraĵojn, kiujn alportis al li la junulino.

— Mia patro batas vin, ĉu ne Kiotto?

Fininte la manĝadon, kaj jam sata, la sklavo stariĝis.

— Revenu nun al la ĉenoj, Kiotto! Mi klopodos por ke mia patro malpliigu viajn suferojn.

Kiotto ŝajnis pripensi momenton sed fine li faris decidon. La boneco de tiu anĝelo estis pli forta ol lia volo sin venĝi!

Li estis kuraĝa kaj muskola, kaj tiu junulino, kiu estis antaŭ li, estis malforta kreitaĵo, kiu kompatis je lia situacio.

Tiu humana ago bone kaj forte sonis en la kruda koro de Kiotto. Li emociiĝis unuafoje dum sia vivo, kaj ploris pro ĝojo, forgesante, dum momento, la turmentojn, kiujn trudis al li lia kruelega sinjoro.

Ĉian tagon pasintan, Kiotto pli kaj pli koleriĝis. La kruelega farmisto agis kontraŭ li pli kruelege.

Kiam la afrikano furioziĝis, estis aplikata al li vipfrapoj, ĝis kiam li fariĝis senhaŭta, sed li estis kuraĝa, ne tremis, li ŝajnis indiferenta al la vergbatoj; apenaŭ liaj okuloj denuncis la ondon de kolero, kiu trapikis lian animon.

Kaj kiam la nokto envolvis la teron, la belega Mario iris tien kuraĝigi lin, alporti al li iom da ĝojo...

Kaj la negro pli kaj pli sklaviĝis al tiu junulino je karaktero tre diferenca ol tiu de ŝia kruelega patro.

— Patro, patro, vi estas malbona! diradis Mario al Arnoldo.

La maljuna sinjoro, kvankam li havas kiel unikan konsolon dum sia maljuneco tiun fraŭlinon dekokjaran, malĝojiĝis, kiam ŝi riproĉas lin.

— Mia filino, se Kiotto liberiĝos de la ĉenoj, certege li mortiĝos min.

— Sufiĉe, patro, mi ne volas, ke vi batigu plu Kiotton, ĉu vi aŭdis?

Arnoldo ridetis antaŭ tiu postulo, sed li promesis obei.

Iom transe de la korto fluis imponanta rivero, kies akvoj movis la grandajn radojn de la muelejo; la akva movado estis terura, surdiga, batante rapidege en la radoj, ŝaŭmante, kaj kavigante profundegan abismon; tuj poste ĝi malsupreniris, kun grandega bruego, tra randkrutaĵo, kvazaŭ formante akvofalon.

Estis belega vespero. Arnoldo staris kun sia filino ĉe la bordo de la rivero, kaj la sklavoj ĉirkaŭpromenis...

Tie, malproksime, katenligita al kverko, estis la malfeliĉa Kiotto, ĉion observante.

Mario sidiĝis sur barketo, kaj ekludis. Subite la ŝnuro, kiu ligis la barketon, malvolviĝis, kaj, tiu ĉi estante libera, sin direktis al la radoj de la muelejo.

Krio de la fraŭlino vokis la atenton de Arnoldo, kiu ekvidis la danĝeron, kiu minacas lian filinon.

Estis malfrue. La barketo jam estis malproksime de la bordo.

La patro korpremata, dolorkriegis; la sklavoj, grupigataj, ne kuraĝis sin ĵeti al la akvo, ĉar la morto estus certa.

— Savu ŝin! Savu ŝin, kriegis la farmisto en la apogeo de la malespero, mi donos la liberecon al tiu, kiu ŝin savos.

Sed kia! Neniu el ili volis sin riski morti.

Kaj la barketo kuris rapidege; Arnoldo surgenuiĝis, petegante la malseverecon de Dio.

— Al mi, Kiotto! aŭdiĝis, kiel eho, la voĉo de Mario.

Subite, terura forto levis la farmiston, kaj starigis lin; li rigardis tiun, kiu tiel agis, kaj tiam ekteruriĝis; antaŭ li, kun la dentoj nudigitaj, kaj la okuloj preskaŭ fermitaj, kolerigeme staris Kiotto. La nigrulo, aŭdinte alifoje la voĉon de sia protektantino petantan lian kelpon, kaj utiligante la eksterordinaran muskolaron, rompis la ĉenojn, kiuj ligis lin. En liaj pulsoj ankoraŭ pendis pecoj da ĉeneroj.

— Salvu ŝin, pro kompato, ĝemis Arnoldo, kvazaŭ li petegus al la nigrulo.

Estis sufiĉe, ke tiu ĉi levus la pulson, kaj lasus ĝin fali, por ke la farmisto fariĝu senforma!

Malŝatema rideto streĉis la lipojn de la sklavo. Lia koro estis malpli kruelega ol tiu de lia sinjoro!

Ne pli atentante lin, la sklavo sin ĵetis al la rivero. En tiu momento, la barketo batis radon, kaj la korpo de la malfeliĉulino falis en la akvon.

Nekontraŭstarebla fluo ĵetis Kiotton al alia rado, sed tiu ĉi, per superega penado, reprenis la pozicion, kaj kaptis la korpon de la junulino; naĝante poste kontraŭ la fluo, li atingis la bordon.

Ŝtoniĝinte, kaj samtempe, mirigite, Arnoldo deprenis de l' mano de la sklavo sian karan filinon; tiu ĉi estis apenaŭ sveninta.

Terura konsciencriproĉo esti estinta tiel kruelega kontraŭ la savinto de lia filino ekkaptis la maljunan farmiston, kaj du larmoj malsupreniris tra liaj maljunigitaj vangoj.

— Patro, kie estas Kiotto? demandis Mario, kuŝanta sur divano, al sia maljuna patro.

Arnoldo mallevis la kapon kontite, kaj kun voĉo plorĝemanta:

— Li estas ripozanta en mia ĉambro, por ke li kuracu siajn suferojn.

El la revuo «Para todos» tradukis Esther Bloomfield kaj Maria Luiza Bocayuva.

---

*(Tiu ĉi traduko estas dediĉita al dro Nuno Baena).*

---

## O esperanto e os empregados dos correios e telegraphos

Os representantes dos empregados superiores dos Correios e Telegraphos da Allemanha approvaram a seguinte resolução:

«A assembléa dos representantes deseja a introducção da lingua neutra auxiliar Esperanto nas relações internacionaes postaes, telegraphicas e telephonicas e pede ao Ministerio dos Correios que favoreça o movimento esperantista entre os empregados dos Correios e Telegraphos».

## ŜTATA SUBTENO

*Ni legis en la maja numero de «Esperanta Finnlando» ke la Registaro (Ŝtatakonsilantaro) per decido de la 6.a de tiu monato konsentis doni al la Esperanto — Instituto de Finnlando la ŝtatan subtenon de 5.000 finnaj markoj por ĝia funkciado dum 1920.*

## O Esperanto e os Engenheiros

No numero de janeiro do «The League», jornal official da Liga das Nações (22, Buskingham Gate, Londres), encontra-se a seguinte carta:

«Li com interesse o artigo do Sr. Bernard Long, sobre os Congressos Internacionaes, e a difficuldade das linguas, no «The League», de dezembro.

Posso pedir a hospitalidade de vossas columnas para relatar uma experiencia recentemente realizada?

Ella accentu'a o facto que o Esperanto será adoptado como lingua auxiliar internacional pela massa do mundo civilizado, muito mais rapidamente do que imagina a maioria do povo.

A Sociedade dos Engenheiros da qual tenho a honra de ser vice-presidente, proseguindo no seu intuito de uniformizar todas as materias concernentes á engenharia, dedicou uma das suas reuniões, pouco antes da guerra, á questão da utilidade do Esperanto como lingua internacional, para os engenheiros.

Em setembro ultimo, vizando sondar a opinião geral dos membros da Sociedade, sobre esse thema foi provocada uma votação postal entre elles.

Os resultados foram muito surprehendentes. 1º — O interesse despertado pela consulta foi tal, que o numero de respostas recebidas formou um verdadeiro archivo para votações postaes, nos annaes da Sociedade. 2.º — Das respostas recebidas, 88% foram em favor da adopção do Esperanto; 2,1% foram neutras; e somente 9,9% foram contra.

Identico estado de coisas prevalece quasi em toda parte, e tenho razão para crêr que os mais enthusiastas adeptos do Esranto estavam despercebidos da força de opinião revelada pela votação da Sociedade de Engenheiros.

Creio que se a União da Liga das Nações resolvesse tomar e iniciativa neste assumpto, todas as difficuldades praticas subitamente desappareceriam.

Notou-se o facto interessante que entre os membros da Sociedade, testemunhas do serviço activo no estrangeiro durante a guerra, foi unanime a opinião em favor da adopção do Esperanto.

Elles verificaram evidentemente a necessidade pratica de uma lingua auxiliar commum.

A vista do resultado da votação, o Conselho da Sociedade resolveu chamar para o assumpto a attenção do secretario da SoVciedade das Nações, que, a não ser por materia official urgente, interessará os membros da União.

Assignado: T. G. Gueritte.»

(Do *«The British Esperantist»*).

## NEKROLOGIO

### HECTOR HODLER

La mondo esperantista, vundita de doloraj frapoj dum la lastaj jaroj, pro la malapero de eminentaj nomoj el siaj vicoj, jus suferis alian plorindan baton, gravegan perdon: la porĉiaman foriron de Sro. H. Hodler, lian malfruan forestadon el la scenejo de l'vivo.

Nur tridektrijara, li mortis viktimo je gravega, nekuracebla malsano.

Fondinto de U. E. A., grava kaj utilega societo, redaktoro kaj direktoro de la gazeto *«Esperanto»*, li, per tiuj iloj, efike kunhelpis la diskonigadon de l'artefarita lingvo al la civilizita mondo, elmontrante la praktikan utilecon de tiu genia elpensajo.

Agema, sindonema, inteligenta, li fariĝis neŝancelebla subtenanto de l' Esperantismo, kiun li fervore amis.

Brazila Ligo Esperantista, ĉagrenega kaj respektoplena, kurbiĝas antaŭ lia tombo, kaj riverencas lian neforgeseblan memoron.

## La naskiĝodomo de Doktoro Zamenhof

—S-ro J. Ŝapiro, Del. de UEA en Bialystok, komunikis al ni la jenan interesan informon: «Bialystokaj samideanoj fine sukcesis konstati, en kiu domo naskiĝis la Majstro. Tio estas la domo, je angulo de Zamenhofa (antaŭe Zielonaja) kaj Brudna stratoj. Malgranda, duetaĝa ligna konstruaĵo estas nun, laŭ la rakontoj de ĝia posedanto, la 75-jara maljunulo Ciehanovski, en la sama stato, kiel en la tago de la naskiĝo de la Majstro. Kovrita ligna ŝtuparokoridoro kondukas de la korto je la supran etaĝon en la iaman loĝejon de la gepatroj de l'Majstro. La loĝejo mem konsistas el tri malgrandaj, malaltaj ĉambroj.

«Rigardante la malgrandan ĉambron, en kiu naskiĝis D-ro L. L. Zamenhof, oni kun malĝojo pensas, en kiuj pli ol modestaj kondiĉoj la Majstro travivis sian infanecon, kaj oni povas apenaŭ kredi, ke en tiu malriĉa kabano unuafoje ekvidis la lumon de l'suno tiu, kiun oni poste akceptis ĉie kun reĝaj honoroj kaj kiu fariĝis gvidanto de tutmonda movado. La Bialystokaj samideanoj nun intencas meti sur la muron de tiu domo marmoran tabulon kun surskribo, rememoriganta al ĉiu la historian signifon de tiu domo, same modesta kiel estis la Majstro dum sia tuta vivo.»—*J. S.*
(El «Esperanto»)

## KRONIKO

**Pará.** — *Belem.* La grava ĉiutaga ĵurnalo «Estado do Pará» malfermis esperantan fakon, kiun redaktas nia fervora samideano dro Nuno Baena.

**Pernambuco.** — *Recife.* Sro Sebastião de Albuquerque, prezidanto de Esperanto — Klubo de Aracajú transloĝiĝis al tiu ĉefurbo, kie li tuj komencis propagandi nian lingvon. Li jam publikigis artikolojn pri Esperanto en la gazeto «Jornal do Recife». En la urbo «Olinda», tre proksima al la ĉefurbo li malfermis, je la 28 a de Majo, virinan kurson, al kiu li donis la nomon «Verda Stelo».

**Paraná.** — *Paranaguá.* La gazeto «O Sociokrata» publikigis artikolojn pri Esperanto.

**Rio de Janeiro.** En la monato Aprilo malfermiĝis du novaj kursoj: unu, sub la gvidado de fino Haydéa Ferreira, en la publika lernejo Visconde de Ouro Preto, dank' al la bonvolo de ĝia direktorino fino Maria Luiza Desray, kaj alia en la lernejo Baptista, en Madureira direktita de fino Esther Bloomfield, dua sekretariino de Brazila Klubo «Esperanto».

— La 10 an de Aprilo, en la komforta domo de sino Romana Forstel Vidal, prezidantino de «Virina Klubo», okazigis tiu klubo sian 39 an kunvenon, kiu estis homplena kaj ĉarma. Partoprenis en la literatura parto la jenaj personoj: Sino Adelina Lopes Vieira, finoj Yrany Baggi de Araujo kaj Maria Cezar, sroj. José M. Reis Perdigão, Hilton Fortuna kaj A. Couto Fernandes kaj la gknaboj Bernardino Ferreira e Souza, Ruth Mascarenhas, Beatriz kaj Stella Ferreira e Souza. Ludis fortepiano sino Aida Brazil. Poste oni dancis ĝis la 7 a vespere.

— O Imparcial, A Noite, Correio da Manhã, Rio Jornal, Jornal do Commercio, Jornal do Brasil, kaj aliaj ĉiutagaj gazetoj publikigis sciigojn pri «Esperanto kaj la internaciaj foiroj».

«A Rua» vespera ĵurnalo, publikigis tradukojn de artikoloj aperintaj en esperantaj revuoj. Ni citas la longan artikolon el «Esperanto triumfonta» sub la titolo «La tutmonda ĉefurbo».

La redaktanto de tiu fako estas nia samideano sro José Maria Reis Perdigão.

A. C. F.

## O Esperanto no Estrangeiro

**Inglaterra.** — Estava annunciado para 21 de Maio ultimo o 11.º Congresso Esperantista Britanico, em Birmingham; e para 19 de Junho p. p. o 15.º Congresso Esperantista Escossez.

Em *Portsmouth, Glasgow, Sheffield* e *Jork* o movimento esperantista intensifica-se e alastra-se com admiravel rapidez.

**França.** — *Paris.* Reapparecêo a Gazeta *Franca Esperantisto*, suspensa desde o inicio da guerra européa. Foi fundada a Livraria Central Esperantista, sob a forma da Sociedade Anonyma.

Readquirem a antiga animação as Conferencias na Sorbonne ás Sextas-feiras: entre as que se acham annunciadas, chamam a attenção as destinadas aos seguintes themas: «*Lembranças dos Congressos de Esperanto*» pelo Sr. G. Chavet, «*Evolução natural do Esperanto e o papel da Academia Esperantista*», pelo Snr. Cart: «*O Esperanto é uma força da qual os Esperantistas ainda não se utilisaram. Porque?*» pelo Snr. Warnier.

A Snra. Cense recomeçou o curso para os estudantes chineses.

*Havre* — Foi creado na séde da Bolsa operaria o Grupo Esperantista Operario. Em *Baugé, Beaune, Limoges, Nice, Orleans*, etc. reabrem-se antigos cursos e inauguram-se novos.

**Suissa.** — *Genebra.* Um congresso internacional de ex-militares reunio-se para discutir os meios de impedir futuras guerras e carnificina humana; para tal fim aconselha a instrucção obrigatoria do Esperanto nas escolas publicas de todos os paizes, nos telegraphos, correios, no com-

mercio, etc; que seja adoptado como lingua official da Federação internacional dos ex-militares e usada exclusivamente nos Congressos d'essa Federação.

**Suecia e Noruega.**—Em *Stockolmo, Gevle, Sandvicken, Malmo e Languesund* foram installados novos cursos.

**Allemanha.** — A Liga Bavaria Esperantista requerêo ao Ministro dos Cultos a instrucção do Esperanto nos Collegios populares, de aperfeiçoamento, medios e superiores. *Bremen*—O grupo germanico «Liga da *Paz*» pediu ao Centro que instigasse os adeptos da paz mundial de todos os paizes a se esforçarem para que em todas as escolas, além da lingua natal, se ensine o Esperanto, o instrumento mais efficaz para intercomprehensão dos povos. *Frankfurt*. Foi inaugurado um grupo esperant. no Instituto dos Cegos. Na feira internacioal, foi incluido o Esper. entre as linguas adoptadas. *Godezberg*. Foi adoptado o Esper. na secção commercial do «*Evangelisches Pedagogium*».

**Austria.** — *Graz*. A Liga da Paz universal «*Blanka Kruco*» faz um appello aos catholicos de todos os paizes, afim de unir e condensar o movimento catholico, formando um centro propugnador da solidariedade universal. A secção germanica da «*Interpopola Ligo*» insiste no proposito de organisar secções nacionaes para relações estreitas entre os povos.

**Finlandia.** — O Lyceu de Helsingfors, o Instituto Esperantista, o Lyceo Evangelico de *Pikkala* abriram cursos com inscripções de 86 alumnos. Em *Turku e Vilpuri* iniciou-se a propaganda.

**Russia.** — O Governo dos Soviets reconhecêo officialmente o Esperanto como lingua internacional, conforme annuncia o *Izvestia*, jornal official d'esse governo.

Em *Moskov* erigiram um predio especial intitulado «*Domo de Esperanto*», para escola da lingua internacional: ahi serão installados cursos livres para o Professorado e para o publico, será o Centro da Federação Esperantista russa, da União da Juventude Esperant., da Cooperativa Esper. Operaria, Bibliotheca, etc. A Sociedade Esperant. de Petrogrado foi autorizada pelo Governo a fornecer a seus membros um *Garda atesto*, redigido em russo e esperanto.

**Siberia.** — *Irkutsk* — No exercito tchekslovako o Esperanto vai se infiltrando pouco a pouco, apoiado pela secção de informações do Ministerio da Guerra; funccionam seis cursos.

**Estados Unidos.** — A Camara do Commercio do Estado de Nova York adoptou o Esperanto como uma das linguas para uso nos futuros exames commerciaes: já adoptado nos exames da Camara Commercial de Londres, é o Esp. agora pela primeira vez acceito por essa importantissima organisação publica americana.

**Argentina.** — *Buenos Ayres* — Está annunciado para breve a inauguração de cursos esperantistas na Franc-Maçonaria Hespanhola, com séde n'esta Capital: as gazetas maçonicas publicaram artigos sobre o Esper. em paginas especiaes, fasendo um appello aos irmãos maçonicos de todos os paizes, para a adopção do Esp. nas suas communicações internacionaes.

V. S.

## Alvoko al Eksterlandaj Propagandistoj inter la Komercistoj

Ni jam komencis rikolti en Liverpool la frukton de nia laboro. La Liverpool'a filio de la Unuiĝo de Komercaj Vojaĝistoj en Granda Britujo, tre grava Asocio, okazigis sian ĝeneralan kunvenon lastan sabaton, Junio la 14 an. Aŭdinte la raporton de sia Delegito, S-ro Martin, al la Esperanta Kongreso, ĝi unuanime decidis subteni oficiale nian movadon. Unue, per skribpeto al la Direktoro de Publika Instruado, ke li enkonduku Esperanton en la postlernejajn kursojn por Junuloj, kiuj malfermiĝos en la aŭtuno laŭ la nova leĝo de Fisher... Due, per malfermo de Esperanta kurso en Septembro por siaj membroj.

Eksterlandaj propagandistoj povas uzi tiun ĉi novaĵon por instigi similajn komercajn kursojn alilande, kaj mi petas, ke ili skribu al S-ro Marshall, Hon. Sek. de la C. C. L. C. en Londono, kiam oni komencos, por ke ni interrilatigu la novajn lernantojn kun eksterlandaj por eventualaj komercaj rilatoj.

Kurson-kondukanto: J. D. Applebaum, *Hon. Sek. de la Propaganda Kom. de B. E. A. Liverpool.*

(El «*The British Esperantist*».

## FINANCOJ

Bilanco prezentita de sro E. Felix Tribouillet, kasisto, al la Ĝenerala Kunveno de Brazila Ligo Esperantista.

(De 1 Decembro 1913 ĝis 31 Decembro 1919)

Enspezoj

| | |
|---|---|
| Saldo je 1 Decembro 1913 | 599$600 |
| Kotizaĵoj, donacoj kaj abonoj | 2:615$500 |
| Vendaĵoj, diplomoj kaj atestoj | 418$250 |
| Futbala ludo | 841$500 |
| Procento de banko | 40$800 |
| Aŭtorrajto de l' Diccionario Port-Esp., de Tobias Leite | 240$000 |
| Sumo | 4:755$650 |

Elspezoj

| | |
|---|---|
| Konservado de la sidejo | 412$000 |
| Presado de Brazila Esperantisto, presaĵoj kaj poŝtkartoj | 3:006$100 |
| Aĉetado de materialo kaj malgrandaj elspezoj | 271$700 |
| Libroj por disvendado | 230$000 |
| Mebloj kaj kadroj | 94$000 |
| Poŝtelspezoj kaj telegramoj | 289$100 |
| Elspezoj okaze de l' solenaĵo je 21 Julio 1918 | 101$000 |
| Saldo je 31 Decembro 1919 | 351$750 |
| Sumo | 4:755$650 |

## Novaj Gazetoj Ricevitaj

**Franca Esperantisto.** (2 a serio.) Monata organo de la Francaj Esperantistoj. Publikigas la sciigojn de la S. U. P. E. kaj de la Pariza Grupo. Redakcio kaj Administracio: Esperantista Centra Librejo. 51, *Rue de Clichy. Paris* (9 e). Jarabono: Fr. 10.

**Esperanto Triumfonta.** Internacia, universala, sendependa ilustrita ĵurnalo. Ĝi aperas ĉiusemajne en granda formato. Eldonejo: *Horrem, Köln (Kolonjo, Germanujo).* Jarabono: 35$00. Specimena numero: 2 respondkuponoj.

**Espero Katolika.** (reapero). Internacia monata gazeto (honorita per Apostola Beno de Pio X a). Oficiala organo de la Internacia Katolika Unuiĝo Esperantista. Administracio: Joh. Schröder. *Kaiserstrasse 10. Wien VII. Aŭstrio.* Jarabono: Sm. 5. (Fr. 12.5).

**La Esperantisto.** Organo de Esperanta Universitato Popola. Dediĉita al la interna ideo de l' Esperantismo. Redakcio: *Postamt 34, Wien II 1. Aŭstrio.* Jarabono: Fr. 1, aŭ 4 respondkuponoj.

**Laboro.** Monata organo de «Portugala Laborista Esperanto — Federacio» Redaktejo kaj Administrejo: *T. da Agua de Flôr, 33. Lisbôa. Portugal.* Jarabono: Fr. 3.50.

**La Kritikulo.** Internaciajn kritikoj. Ĉiujare 24 numeroj. Redakcio: *Strozzigasse 40/16. Wien VIII.* Aŭstrio. Jarabono: Fr. 2.

**Esperanto - Mitteilungen.** Herausgegeben vom Esperanto - Verein für Steiermark. Geschäftsstelle. Oficejo: *Graz VI., Schönaugasse 6/2. Aŭstrio.*

**Universo.** — Oficiala organo de «Universo», internacia klubo por la interesoj de la bontemplanoj, por komerco kaj industrio, por kolektantoj, korespondantoj, pacifistoj kaj turistoj. Redaktanto: G. Strösser. *München S. 50. Portschekkonto* 18271. *Germanujo.* Jarabono: Fr. 5.

**La Studento.** Oficiala organo de la Pola Studenta Societo en Erie Pa. U. S. A. Redakcio: Prof. Eug. Bobrowsky C. E. *St. John Kanty Colleg. Erie. Pa. U. S. A.* Jarabono: Unu dolaro.

**Közep Duna. (Meza Danubo).** Hungara komerca revuo ĉiusemajna kun enhavo en lingvo Hungara, Germana kaj iom Esperanta. Redakcio: *Zoltan-u 10. Budapest V. Hungarujo.*

## Bibliografio

Ni ricevis kaj tre dankas:

**Fraŭlino Suzano.** Novelo de V .G. Avsejenko. Esperantigita el rusa lingvo de P. Medem. Prezo: 1.50 M. + 30%. *Ader & Borel. Struvestrasse 40. Dresden 1. Germanujo.*

**La Granda vizaĝo el ŝtono,** de Nathaniel Hawthorne. Tradukis el la angla lingvo E. E. Yelland. Eldonis B. E. A. Literatura kaj Debata Societo. Aĉetebla ĉe *British Esperanto Association 17. Hart street, London, W. C. 1. Anglujo.* Prezo: 8 p.

**La leĝo kaj la profetoj.** Flugfolio. El la parolado de P. H. Peckover, en Walpole, 1914. Tradukita de sino A. Cunningham. Aĉetebla ĉe fino P. H. Peckover, *Wistaria Home, Wisbech,* po 0.625 Sm, por 100.

**Nouvelles Académiques** de l' union des sociétés d' étudiants bulgares en Suisse,

Flugfolio. Esperanta fako: Iv. Krestanov. *Sonnenbergstr. 11. Bern. Suisse.*

**Esperanto—Bücherschau.** Numero 2. Novembro 1919. Listo de libroj aĉeteblaj ĉe Esperanto - Verlag. *Ader & Borel. Struvestr. 40. Dresden 1. Germanujo.*

**Raporta Stenografio Esperanta** (Kvina eldono, revizita kaj pligrandigita) laŭ la Pitmana sistemo alfarita de Montagu C. Butler al la apartaj postuloj de Esperanto. Teksto en Esperanto 42 tutpaĝaj litografaj kliŝoj. La libro enhavas multajn ekzemplejn, krom la «Ekzercaro» stenografie skribita. Prezo: 2 Ŝ. 6 p. Aldonu du pencojn por afranko. Ĉe *Brita Esperantista Asocio. 17. Hart St.*, London, W. C. 1.

**Bildotabuloj por la instruado de Esperanto.** 35 bildoj kun klariganta teksto, ekzercoj, ekzemploj kaj gravaj aldonoj (fundamenta gramatiko kaj ekercaro de dro Zamenhof, monsistemaj tabeloj kaj esperantaj dokumentoj). Bonega libro por la praktiko de Esperanto. Aĉetebla *ĉe* Esperanto — verlag Ader & Borel. *Struvestrasse 40. Dresden 1. Germanujo.* Prezo: 6. 40 markoj. + 200%.

**Mimi.** Rakonto pri la Latina Kvartalo dum la Milito. Angle verkis *J. U. Giesy.* Esperantigis Edward. S. Payson (Prezidanto de la Esp. Asocio de Norda Ameriko). Eldonita de Brita Esperantista Asocio 17 *Hart Street W. C. 1. Londono. Anglujo.* Prezo: 1 Ŝilingo.

**Respondo de la Hungara Sciencа Akademio al la Ĉeha Akademio.** Tradukita de dro K. Kolocsay, kaj eldonita de la «Hungara Esperanto - Servo». *Badapest* VI. *Hajosotrato 15. 11. 2. Hungarujo.* Prezo. K. 5.

## Mondacligo Kruco Blanka

La Mondpacligo Kruco Blanka» (sidejo Graz, Aŭstrio, Karmaliterpl. 5), kiu jam dum la milito laboradis por la popolinterkompreniĝo, dufoje kuraĝita de lia papa moŝto, alcelas kunigi la tutmondajn katolikojn precipe, por gajni ilin por kunlaborado en la servo de la popolrepaciĝo. Ĝi uzas Esperanton laŭ ĝia regularo kiel sian popolporlingvon, kaj petas ĉiujn fremdlandajn samideanojn, kiuj volas partopreni je la nomitaj klopodoj, pri ilia adreso kaj prila adresoj de samideanaj amikoj.